

# ESPERANTO



OFICIALA ORGANO DE LA ★ UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO ★

Duonmonata Internacia Gazeto

**ABONO**
Unu Jaro . . . . . ₷. 1.60 (4 frankoj).

Oni abonas ĉe la Administrejo
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Svisujo)
aŭ ĉe la lokaj agentoj

**DIREKTORO :**
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)




## La Konkursoj de U.E.A.

II.

Ni havas la plezuron konigi al niaj legantoj, speciale Delegitoj, Subdelegitoj, Konsuloj kaj membroj de U. E. A. la detalajn kondiĉojn de la unuaj konkursoj organizitaj de U. E. A. kaj ni esperas, ke tre multaj estos la partoprenontoj.

**Iª Konkurso** : ***Pri la plej bone organizita Esperanto-Oficejo.***

1ª Premio : 20 ₷

*Kondiĉoj :* 1e) ĝi plenumu ĉiujn kondiĉojn priskribitajn en la cirkuleroj de U. E. A. kaj speciale en la broŝuro « Konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj » ; 2e) la Delegito aŭ Subdelegito bonvolu sendi fotografajon montrantran la fenestregon de la Esperanto-Oficejo, kaj planon, fotografajon aŭ desegnon montrantan detale la internajn aranĝojn de la Esperanto-Oficejo. Tiuj fotografajoj kaj planoj estos elmontrataj dum la Barcelona kongreso ; 3e) la fotografajoj kaj aliaj dokumentoj devos esti subskribataj de la loka Delegito aŭ Subdelegito por certigi, ke ili estas konformaj al la realeco kaj ke la Esperanto-Oficejo jam tiel funkciadas post tri monatoj ; 4e) la dokumentoj estu sendataj nepre *antaŭ la 1ª de julio 1909* al S-ro P. Blaise (3, Stella Rd, Tooting London-S. W.) ; 5e) la premioj estos disdonataj dum la Barcelona kongreso.

**Konkurso « Esperanto-Jurnalo » :** ***Pri la plej bela Esperanta gvidlibro.***

1ª Premio : 20 ₷
(donacita de la gazeto « Esperanto »).

*Kondiĉoj :* 1e) ĝi estu tute redaktita en Esperanto ; 2e) ĝi enhavu minimume 12 paĝojn ; 3e) ĝi estu ilustrita ; 4e) la anoncoj ne estu miksitaj kun la teksto, sed ili estu, ĉu ĉe la fino, ĉu ĉe la komenco, ĉu ĉe apartaj folioj ; ĝi estu kiel eble plej alloga ; 6a) *du* ekzempleroj de ĝi estu sendataj *antaŭ la 1ª de aprilo* al S-ro J. Schmid (Esperantio, Bern, Svisujo), kun la nomo de la grupo aŭ societo ĝin eldoninta ; 7e povas partopreni en tiu konkurso ĉiuj grupoj, societoj, entreprenoj esperantistaj aŭ ne, se nur estas Delegito aŭ Subdelegito de U. E. A. en ilia loko.

**Konkurso Warnier** : ***Pri la plej bona ideo por disvastigi U. E. A. kaj pligrandigi ĝian utilecon.***

1ª Premio : 10 ₷
(donacita de Esperanto-Librejo Warnier).

*Kondiĉojn* . 1e) la ideo kaj projekto estu precize formulita kun ĉiuj praktikaj detaloj ; 2e) ĝi estu realigebla en la nuna stato de U. E. A. kaj per ĝiaj propraj rimedoj ; 3e) ĝi rilatu kun la celo de U. E. A., t. e. ne al la propagando de Esperanto, sed al la plifaciligo de la rilatoj inter diverslingvanoj per U. E. A. ; 4e) la laboro ne havu pli ol 2,500 vortoj, nek malpli ol 500 ; 5e) ĝi estu sendata *antaŭ la 1ª de marto* al Esperantio, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève, kun la surskribo « Por la Konkurso » ; ĝi estu subskribata per la nomo de la sendinto kaj la numero de lia membrokarto ; 6e) povos partopreni en tiu konkurso ĉiuj ajn membroj de U. E. A., kiuj estos aliĝintaj antaŭ la 1ª de februaro 1909.

**Konkurso Warden** : ***Pri la plej bone verkita raporto pri Komerco kaj Industrio.***

1ª Premio : 10 ₷
(donacita de S-ro Warden, D. en Edinburgo).

*Kondiĉoj :* 1e) ĝi priskribu la komercan kaj industrian staton de sama regiono, speciale pri importajoj kaj eksportajoj, foiroj, ekspozicioj, movado de la salajroj, specialaj enlandaj industrioj, ĝenerala ekonomia situacio en la nuna epoko ; 2e) la laboro ne enhavu pli ol 2,500 vortoj, nek malpli ol 500 ; 3e) ĝi estu sendata *antaŭ la 1ª de aprilo* al S-ro D-ro M. Kandt, Esperantio, 8, Neuer Markt, Bromberg (Germanujo) ; 4e povas partopreni en tiu konkurso ĉiuj Delegitoj, Subdelegitoj de U. E. A. kaj speciale la *Konsuloj por Komerco & Industrio.*

**Konkurso Hobomo** : ***Kiel fremda vojaĝanto povos plej bone viziti Londonon dum okhora restado ?***

1e Premio : 10 ₷
(donacita de S-ro H. Bolingbroke Mudie).

*Kondiĉojn :* 1e) la laboro ne havu pli ol 1,500 vortoj ; 2e) ĝi estu sendata *antaŭ la 1ª de aprilo 1909* al Esperantio, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève ; 3e) povas partopreni ĉiuj ajn membroj de U. E. A., kiuj estos aliĝintaj antaŭ la 1ª de februaro 1909.

⁂

**Ĝeneralaj rimarkoj pri ĉiuj konkursoj :**

1e) Ĉiuj premiitaj laboroj estos presataj en « Esperanto », kaj, se bezone, speciale eldonataj ; same por la laboroj, kiujn la juĝantaro opinios presindaj.

2e) La juĝantaro rezervas al si la rajton anstataŭigi la unuan premion per du duaj premioj de duona valoro.

3e) Sumo da **40** ₷ almenaŭ estos difinita de U. E. A. por rekompenci la plej bonajn laborojn ricevitajn, kiuj ne estos ricevintaj la unuan premion. Entute, sumo da **110** ₷ estos do difinita por la konkursontoj.

4e) La laboroj estu kiel eble plej legeble skribataj kaj redaktataj en korekta Esperanto.

Donacoj estos danke akceptataj, ĉu por plialtigi la suprajn premiojn, ĉu por plialtigi duan kaj trian premiojn, ĉu por nova konkurso.

⁂

Aliaj konkursoj estas ankoraŭ organizataj. Rilate al la ĉi-supre priskribitaj, ni plezure respondos ĉiujn pluajn informpetojn, kiujn oni adresos al ni.

Ni instigas ĉiujn interesatojn, ke ili partoprenu multenombre, tiel ke la rezultatoj estu kiel eble plej fruktodonaj por U. E. A.

(*Daŭrigota*). U. E. A.

# TRA LA MONDO

## AŬSTRIO [1]

Lausanne (Svisujo).

**Nefermita letero al S-ro Prochazka.**

Estimata Sinjoro,

Permesu al mi respondi al vi per kelkaj vortoj pri ia penso, eldirita de vi en via korespondajo el Praha (Esperanto 44). Vi skribas :

« ...En tiu ĉi fragmento de germana loĝantaro superas plejparte hebreoj, kiuj ankaŭ en Aŭstrio same kiel en la tuta mondo aliĝas al reganta partio. »

Sinjoro, mi ne volas kredi, ke vi estas antisemido — esti nun tia, signifas esti malfruiĝanta en progreso, kaj vi, ellerninte Esperanton per tio same estas (aŭ devas esti) homo de l'estonteco. Mi ankaŭ ne estas sangavida nacionalisto, por mordi vin aŭ polurigi vian vangon pro via penso. Sed tamen mi volas rimarkigi al vi, ke antaŭ eldiri similan penson, estas tre necese pripensi.

Kulpigi ne unu parton de societo, ne tiujn aŭ aliajn apartajn personojn aŭ eĉ grupojn, sed *tutan nacion* kaj kulpigi ĝin en tia abomenajo : sin vendi al reganta klaso — almenaŭ estas hontinda !

Tiom pli ke vi mem estas ano de nacio premegata. Eble vi konsideras kelkajn dikeventrajn riĉulojn hebreojn kiel tutan hebrean popolon ? [1] kaj tiam ankaŭ via kulpigo, kiun vi tiel facilanime jetis ne eltenas kritikon — kapitalisto ĉiam estas sur la flanko de reganta klaso, ke li estas hebreo... aŭ eĉ bohemo.

La celo de mia letereto ne estas pravigi en viaj okuloj la tutan popolon de hebreoj — ĝi tion ne bezonas — sed por montri al vi, ke la legantoj de viaj korespondajoj legas ilin pli atente ol vi skribas ilin.

Esperante, ke mia respondo estos legata tiel atente kiel mi legas la vian pleninteresan laboron,

Mi salutas vin, kara Samideano, kore via,

J. Eydelnanth.

⁂

Ni ricevis pri la sama temo du leterojn, kies esenco estas proksimume sama al tiu de la supra korespondajo. Kiel niaj korespondantoj ni bedaŭras la tro ĝeneraligan frazon de S-ro Prochazka, kiu aperis pro neatento de nia flanko Ni aliparte tute ne publikigis tiun korespondajon en kontraŭgermana celo, kiel iuj absolute erare kredis. Je la situacio en Bohemujo, kiel en aliaj landoj, kie okazas tiaj bataloj, estas kulpaj nek Germanoj, nek Bohemoj, nek tiu aŭ alia gento, kiu deziras nur vivi trankvile kaj pace labori, sed ja *diverslingveco*, la neesto de *neŭtrala* fundamento, sur kiu la diversaj popoloj povos interkomuniki sen perforta altrudo de siaj reciprokaj lingvoj, moroj kaj opinioj. Sen tio nenia justeco, sed konstanta batalado, riproĉado kaj reciproka perfortado. Al la kreo de tiu neŭtrala fundamento laboras Esperantismo. H. H.

## FRANCUJO

Parizo, Decembro 1908.

*En la nokto ; Parizaneca afero ; Mortpuno kaj Parlamento ; la Balotreformo ; Aŭtomobila ekspozicio ; la Franca militŝiparo.*

⁂ Nuntempe Parizo povas nenion envii de la Brituja ĉefurbego : ĉiumatene densega nebulo, ĝis nun ne ofte konstatita, trakovras la tutan urbon, tiel ke oni malfacile povas vidi dek paŝojn antaŭe. Je la kvara, jam noktiĝas aŭ, pli ĝuste, denove nebuliĝas ; tiamaniere la tago daŭras kiel eble plej mallonge, sed oni scias, ke en Parizo la ĉefa parto de la vivo okazas vespere kaj... nokte. Tamen la loĝantaro kaj komercistaro plendas pri tiu malbona nebulo, kiu certe ne faciligas la cirkuladon, jam kutime tre danĝeran.

⁂ Mi timas, ke malgraŭ mia deziro ne disvastigi malbonan famon pri la saĝo de miaj samurbanoj mi ne povos silenti pri la sensaciega krimo, kiu laŭlitere frenezigis la Parizanaron dum tuta semajno, tio estas pri la trofama afero Steinheil. Certe ĉiuj legantoj eksterfrancaj ankaŭ aŭdis pri la krimo mem kaj la lastaj okazintajoj, tiel ke rakonto aŭ eĉ resumo de ĝi estas absolute nenecesa. Malpli konata eble estas la frenezeco, kiu kaptis la loĝantaron dum la lastaj tagoj. Neniam krimo tiel pasiigis tutan urbon kaj, mi aldonas, tutan landon. La tutan tagon, la scivolemuloj senĉese aĉetadis la novajn eldonojn de la gazetoj kun sensaciaj titoloj kaj ne malpli sensaciaj rakontoj. La Juĝa Palaco estis sieĝita de gazetistoj kaj ĉiuspecaj amatoroj, kiuj disvastigis la plej nekredindajn sed ĉiam tuj represitajn famojn. En ĉi tiu afero cetere plej multe gajnis la gazetoj. Ili verdire anstataŭis la policon, kies mallerteco estas severe juĝita. Gazetistoj mem enketis kaj klopodis (troe, kompreneble) kaj nur dudek kvar horojn post ili la informa juĝisto estis sciigita pri iliaj malkovroj, legante iliajn gazetojn ! Nuntempe, la afero estas tiel malklara kiel antaŭe, sed oni esperas, ke baldaŭ ĝi estos lumigata. La atento iom moliĝis, sed tio estas nur provizora. Dume, la kinematografaj entreprenoj uzas la aferon por sin riĉigi per elmontro de krimaj sensencajoj kaj sur la bulvardoj... oni vendas kantojn.

⁂ Krimajoj min alkondukas nature al la demando pri mortpuno, kiun ne ankoraŭ solvis la Deputataro [2]. Jam de multaj semajnoj, la Deputatoj dediĉas unu kunvenon al diskutado pri tiu temo. Ĉiuj argumentoj por kaj kontraŭ estis jam ripetegitaj kaj jam de longe ĉiu havas sian opinion, sed oni tamen daŭras diskutadi. La pligranda parto de la Deputataro ŝajnas favora al la konservado de la mortpuno, ĉar pro la kresko de la krimoj sensaciaj, la elektantoj opinias ke la ekzekutisto estas necesa, sed, ĉar la malplimulto esperas, ke io neatendita ŝanĝos la publikan opinion, ĝi penas longigi la diskutadon kaj prokrasti la finan decidon ; ĝis nun tiu taktiko parte sukcesis. Estas dube, ke ĝi tamen kondukos la abolicionistojn al la venko.

⁂ De post la grava maltrankviligo okazigita de la Casablanca afero, nenio nova en la eksterlanda politika ; interne ankaŭ. Triono de la Senato estos baldaŭ balotata, sed ĉi tio promesas nur la kutimajn lokajn batalojn kaj nenian politikan ŝanĝon de ĝenerala signifo. Rilate al tio, baldaŭ prezentiĝos al la Parlamento la grava demando pri reformo de la balotrajto. En Francujo, kiel en Germanujo, Britujo kaj aliaj gravaj regnoj, la deputatoj estas elektataj laŭ la balotrondoj, t. e. ĉiu regionrondo elektas unu deputaton ; se ĝi havas pli ol 80,000 loĝantojn, ĝi elektas du kaj tiam estas dividata laŭ du balotrondoj, k. t. p., tiel ke la balotado okazu ĉiam por unu sola deputato. La maljustajoj kaj malbonajoj de tiu sistemo estis tre ofte montritaj kaj akre kritikitaj. Grupo formita de eminentaj Parlamentanoj ĉiupartiaj proponas, ke ĉiu departemento elektu nombron de deputatoj proporcie kun sia tuta loĝantaro kaj ke la balotado okazu laŭ la sistemo de la proporcia reprezentado, t. e. ke ĉiu partio estos reprezentata laŭ la nombro de la homoj voĉdonintaj ĝian liston — kio estas pli konforma al la justeco. En diversaj lokoj paroladoj pri tiu temo havis brilan sukceson ; baldaŭ la afero estos Parlamente diskutata.

⁂ Ĉiujare okazas en la Maŝinpalaco granda ekspozicio de aŭtomobiloj, kiu ekscitas gravan intereson de la altrangaloj. La ekspozicio de tiu ĉi jaro estas aparte rimarkinda, kaj enhavas verajn mirindajojn, kiuj tre bone montras la prosperecon de tio industrio en Francujo. Novaj modeloj estas veraj ĉefverkoj rilate al oportuneco. Bedaŭrinde, malmultaj estas ankoraŭ la personoj, kiuj povas pagi al si tiajn luksajojn. Malgraŭ la sukceso de tiu elmontrado, la fabrikistoj klopodas por ke ĝi ne plu okazu ĉiujare. Efektive, la publiko de la interesatoj senĉese postulas novajn modelojn, kaj por ilin liveri la fabrikistoj estas devigataj elspezi tre altajn monsumojn kaj dediĉi multe da tempo ; tion povas fari nur la tre gravaj fabrikistoj, kaj ĝuste pro tio la aliaj plendas. Se en 1909 ne okazas tia ekspozicio, oni povas antaŭvidi, ke en 1910 ĝi estos tiom pli brila, ĉar dum en aliaj kampoj la franca industrio estas tiel malprogresa, en aŭtomobilismo ĝi vere estas estas prospera kaj grava.

⁂ Malpli prospera estas la stato de la militŝiparo. De kelkaj jaroj okazas katastrofoj post katastrofoj. Oni diris prave, ke ĝia ĉefa utileco estis mortigi homojn dum paca tempo. Regas en la administracio malordo kaj rutino. Kiam tro bedaŭrinda malfeliĉo okazas, la Parlamento fordankas la maraferan ministron, sed tio kompreneble solvas nenion. Lastatempe vicadmiralo Germinet informis gazetiston, ke ne ekzistas municioj en la arsenaloj ; oni ne povis pruvi ke li eraris, sed li tamen estis eksigita pro la disciplina tradicio. La interesatoj diras, ke por reorganizi la Francan ŝiparon, oni bezonas ĉirkaŭ 300 milionoj da ₷. Vere ; ĝi estas iom kara, kaj oni povu ĝin dediĉi al io pli interesa, ĉar la utileco de militŝiparo, eĉ tre forta, ne estas pruvita, el politika vidpunkto.

B. T.

## HISPANUJO

San Sebastian, Decembro 1908.

*Morto de Japana ministro Inagaki.*

Kiam la atento de la Hispanoj kaj de multaj eksterlandanoj estis fiksita al la somera ĉefurbo San Sebastian, kaj kiam la hispanaj gereĝoj kaj aristokrataro nordhispanujen vojaĝis, forlasante pro la varma vetero siajn vintrajn urbojn, S-ro Manjiro Inagaki, japana ministro en Madrid kaj en Lisabono, post unu monato pasinta de sia alveno en ĉi tiu urbo, mortis pro la terura malsano cerba kankro. Tri longajn kaj dolorajn monatojn de tia terurajo pasigis la diplomatiisto, ĝis kiam la kuracistoj certigis ke lia vivo alproksimiĝas al la fino. Laŭvorte, la 25an de la kuranta monato, S-ro Inagaki estas mortinta ĉirkaŭita de sia edzino, de siaj samlandanoj kaj de eminentaj kuracistoj japanaj, anglaj, francaj kaj hispanaj. Tiu ĉi ĉiam plorinda sciigo fulme etendiĝis en la urbo tiel kiel ankaŭ trans malproksimaj landoj el kie la vidvino ricevis multajn telegramojn dolorajn, el ili tiujn de la gereĝoj kaj de la registaro hispanaj, esprimintaj ke oni faru al la kadavro honorojn de leŭtenanto generala. La 27a tago estis anoncita por ĝia enkonduko, dume oni decidas la transigon en Japanujon. Post tagmeze, je la 3a horo, el „ Kontinenta Hotelo " rompis la marŝadon gvardioj kavaleriaj, postiginte la ĉerko, kiun, ornamitan bele de divers-

[1] Verŝajne tia estis la penso de nia okaza korespondanto.

[2] Ĝi nun estas solvita. Per plimulto da ĉirkaŭ 120 voĉoj la mortpuno estis konservata.

floraj kronoj de la hispanaj geregoj, de ŝia vidvino, de la japana princo Kuni, k. a. P. ; soldatoj de artilerio ŝultre alportis kaj la popolamaso, lokita sur la longa Aleo de la Libereco, sin malkovradis respekte. Anstataŭis la reĝon markizo Atarfe, kunirante la urbestron en nomo de la urbo, la deputataro, konsuloj angla, germana, franca, holanda, turka, ĉila ; multaj el estintaj amikoj de la mortinto, kaj fine regimentoj de infanterio kaj artilerio, kreskigante la funebrecon kelkaj regimentaj muzikistoj, kiuj ludis ĉiuinterspace dum la marŝado.

S-ro Manjiro Inagaki estis unu el eminentuloj de Japanujo en eksterlando ; li, naskita en 1861, siajn studojn faris en la Universitato Tokia el kiu, por kroni ilin, li translokiĝis en tiun de Cambridg'an, poste li efektivigis longajn kaj gravajn vojaĝojn tra multaj landoj eŭropaj, studante gravinterese la progresojn de la limokcidentaj nacioj. Reveninte en sian patrujon, alportante diplomojn gajnitajn en la angla universitato, li estis unu el la plej gravaj propagandistoj de la Eŭropa civilizacio kaj kultureco, ne estis en Japanujo eĉ ia angulo kie lia energia vorto estis ne aŭdita. La libro „ *Tobo Saku* " (Limokcidentaj Aferoj) verkita de S-ro Iganaki, estis unu el la plej legitaj en Japanujo, kaj de tiam, ĝuis en sia amita lando gravegan popolestimon.

A. TUDURI.

## USONO

Seattle, Decembro 1908.

*La prezidanta balotado ; la socialista partio.*

La jus okazinta elekto en Usono por prezidonto rezultis favore al S-ro W. H. Taft, kandidato de la partio respublikana laŭ la atendo de ĉiuj bone informitaj S-ro Bryan, la ĉiama kandidato de la demokratoj, denove venkiĝis, por la tria fojo, kaj kredeble estas ke de nun ni aŭdos nenion plu de la iama idolo de la partio antaŭe ĉiopova en Usono. Fakte, multaj ja kredas ke tiu partio jus trapasis sian mortagonion kaj ke la politika batalo de la estonteco okazos inter la respublikana kaj socialista partioj. La rezonoj estas certe facile troveblaj kaj legiĝas jene : La demokrata partio jam forlasis tiujn principojn por kiuj ĝi antaŭe bataladis, kaj je la nuna tempo tre malfacile estas trovi la plej malgrandan diferencon inter ĝi kaj la respublikana. En la pasinta tempo la demokratoj kontraŭstaris la regantan partion, kies programo estas : la uzado de oro sola kiel normo por la mono ; imperialismo; t. e. la akiro de teritorio en fremdaj landoj ; alta limdepago, k. t p. Tamen, en la nuna batalo ambaŭ nenion diris pri tiuj aferoj kaj kvankam la lando troviĝas en terura stato pro la malsato kaj senokupeco, diskutadis nur la demandon pri la „ garantio de bankdeponaĵoj. »

La sola partio en Usono kiu ŝajnis rekoni la fakton ke ekzistas paniko kun la neevitebla mizero kaj malsato, estas la socialista, kaj tiu kondukis dum kelkaj monatoj la plej rimarkindan batalon en la historio de Usona politiko. S-ro Eugene V. Debs, la kandidato, dum preskaŭ du monatoj, en la „ Red Special ", (ruĝa vagonaro) traveturis la tutan landon de la Atlantiko ĝis la Pacifiko, farante, kune kun kelkaj aliaj eminentuloj, ĉiutagajn oftajn paroladojn ; ĉie la socialistoj aranĝis akceptojn por li kaj kvankam oni okupis la plej grandajn halojn en la diversaj urboj estis ĉiam necese ke parolistoj alparolu grandamasojn ekstere, ĉar multegaj ne povis eniri. Cetere estas necese memori ke en ĉiuj lokoj oni postulis enirprezon, ĉar nur tiamaniere la socialistoj povus havigi sufiĉe da mono pagi la luprezon. Multaj anoj de la malnovaj partioj profetis ke la socialistoj ricevos pli ol unu milionon da balotoj, kelkaj eĉ diris du milionojn. Tamen la rezultato montras nur ĉirkaŭ 600,000, kvankam ne estas malfacile montri ke tiuj ciferoj ne reprezentas la tuton de la subtenantoj de la partio. Multaj ne povis baloti ĉar ili devis alilokiĝi, serĉante okupon, ĉar la leĝoj ne permesas ke oni balotu sen daŭra lokiĝo de unu jaro en ŝtato ; multaj kredis ke estus pli bone „ doni alian ŝancon al Bryan " ; Gompers, estro de la granda „ American Federation of Labor ", ĉiama oponanto de la socialismo, ricevinte promeson de la demokratoj ke ili helpos laboristojn, sukcesis forlogi milojn en la tendaron de tiu partio. Malgraŭ ĉio la rezultato entute efektive certigas ke de nun la socialista partio estos grava potenco en la Usona politika situacio ; ĝi tamen ne sukcesis elekti eĉ unu kongresanon, spite la grandaj penoj kiujn ĝi fakis en kelkaj distriktoj. Pro tio ĝi ankoraŭ restadas sen ia voĉo en la nacia kongreso. Tia stato, kompreneble, ne povos longe daŭri, ĉar en kvin distriktoj ĝi venkiĝis de nur malmulte da voĉoj. Post du jaroj estas nediskuteble ke ĝi plifortiĝos kaj sukcesos elekti kelkajn kongresanojn, ĉar jam la laboristoj bone scias ke la Bryanismo estas mortinta.

Charles E. RANDALL.

## Kroniko Politika

La stato de la aferoj en Oriento estas ankoraŭ minaca por la Eŭropa paco. Nenio montras, kiam ĉi tio ŝanĝiĝos. Aŭstrio pli-malpli kaŝe mobilizas por sin gardi kontraŭ aventuraj ekskursoj de Serboj aŭ Montenegranoj ; siaflanke ĉi tiuj staras tute armitaj. En tia stato io per si mem tre malgrava sufiĉus por eksplodigi nacian militon, ĉar kontraŭ ĝi Eŭropo povos tre malmulte. Plie, en Aŭstrio mem tiu politiko komencas maltrankviligi. La komercistaro tre suferas de la bojkoto de la Aŭstriaj komercaĵoj en Turkujo, kiu ne povis agi kontraŭ ĝi. Aliflanke novaj tumultoj okazis en Bohemujo kaj en Triesto, ĉiam pro linvaj kaj naciecaj demandoj. Hodiaŭ finitaj, ili morgaŭ rekomenciĝos kun tia sama fervoro, ĉar ili restas ne solvitaj.

Sed unu el la plej gravaj konsekvencoj de la Aŭstria nuntempa politiko konsistas en tio, ke ĝi tute forlogis Italujon, kiu laŭnome estas kunligita kun Aŭstrio, sed fakte havas tute malsamajn interesojn en Balkanujo. Plie, la Itala popolo ne forgesas, ke samlingvanoj loĝas en Aŭstrio, proksime de la landlimo, ke tiuj samlingvanoj postulas rajtojn ĝis nun rifuzitajn. Tiuj sentoj montriĝis en Parlamenta solena kunveno, kie severaj vortoj pri Aŭstria sintenado rilate al Italujo estis eldiritaj. Tio ne malhelpis, ke tiuj samaj Parlamentanoj aprobis la politikon de ministro Tittoni, sed en la publika opinio la Aŭstria kunligo havas tre malbonan famon. Jam oni parolis kri sekreta kontrakto de Italujo en Balkano, pri baldaŭa finiĝo de la triobla kunligo, anstataŭota de alia grupiĝo, k.t.p. Sed fakte ne estas grava la fakto, ĉu Italujo kunliĝos kun Aŭstrio aŭ kun Rusujo, ĉu Francujo, Britujo kaj Rusujo kontraktos kune, k. t. p. ; kun tia sistemo de nedaŭra ekvilibriĝo kaj neŭtraliĝo de apetitoj kaj ambicioj, la fundamenta stato de Eŭropo restos sama, t. e. la Parlamentoj daŭros voĉdonadi milionojn por militbudĝetoj kaj inter popoloj staros kanonoj. La savo ne estas tie...

A. R.

## La Faktoj

*22 Novembro. — Parizo.* — Alveturo de la Svedaj geregoj.

*Ajaĉio.* — Post multaj penoj estas elmarigita franca kirasŝipo „ Condé ".

*Vieno.* — Gravaj sangaj konfliktoj inter aŭstriaj kaj italaj studentoj en la universitato.

*24. Italujo.* — Manifestoj pro la fakoj de la Viena Universitato.

*Theherano.* — La ŝaho deklaras en proklamo ke li decidis definitive restarigi la Konstitucion.

*25. Romo.* — Malfermo de la deputataro.

*Nevjorko.* — En la granda konkurso de kurado Durando Pietri, italo, venkas Hages.

*Atheno.* — Oni elektas prezidanton de la deputataro Kamonduros, kandidato de la registaro.

*27. Vashingtono.* — Oni subskribas interkonsenton japana-usanan por ĉiuj malpacoj en Ekstrema Oriento.

*28. Romo.* — Popola kunveno por protesti kontraŭ la faktoj de Vieno. — Inaŭguro de l'internacia instituto de Terkulturo.

*30. Konstantinoplo.* — Oni starigas novan ministraron kun Hussein Hilmi Paŝao ministro de l'internaj aferoj.

*Praha.* — Gravaj sangaj konfliktoj kontraŭaŭstriaj.

*1 Decembro. — Romo* — Komenciĝas en la deputataro la diskutado pri eksterlanda politiko.

*Peterburgo.* — L'aŭstria ambasadoro liveras al Caro la oran rememorigan medalon por la jubileo de Francisko Josefo.

*2. Romo.* — S-ro Majorana faras plensukcesajn eksperimentojn de radiotelefonio inter Romo kaj Trapano (Sicilo).

*Mombasa.* — Grafo el Torino foriras por esplorado kun karavano de 120 personoj.

*Pekeno.* — Solena kronado de l'nova ĥina imperiestro.

*Konstantinoplo.* — Oficiro mortigas generalon Ismail Mahir.

*3. Romo.* — Grava patriota manifesto en la deputataro sekve de alparolado de Alexandro Fortis.

*Belluno* (Italujo). — Terdisfalo detruas 30 domojn de l'vilaĝo Pra, kaj mortigas 27 personojn.

*Haiti.* — Revolucio eksigas la prezidanton de l'Respubliko, Alexis.

*4. Romo.* — Finiĝo de l'diskutado pri l'eksterlanda politiko kun konfia voĉo al la ministraro.

*5. Vieno* — Alveturo de la svedaj geregoj ricevitaj en la stacidomo de l'imperiestro.

*Londono.* — Okazas kunveno kontraŭ la sklaveco en Portugala Afriko.

*Porto Princo.* — Eniras en la urbon la revolucia soldataro komandita de generalo Simon.

*6. Romo.* — Inaŭguro de l'unua kongreso pri la popolaj bibliotekoj kaj de l'Itala unuiĝo por popola edukado.

*Chamfranc.* — Hispana ministro de l'publikaj laboroj inaŭguras tunelon tra Pireneoj.— Mortas Zemp eksprezidanto de Svisa Konfederacio.

*7. Berlino.* — Parolado de Bülow en la Rejĥstago pri la eksterlanda politiko.

*Porto Princo* — Generalo Simon estas proklamata ŝtatestro kaj li starigis provizoran registaron.

*8. Kalkulto.* — Terura eksplodo de municiejo ; 10 mortintoj, 30 vunditoj.

*Parizo.* — La deputataro konservas la mortpunon.

A. TELLINI.

# ESPERANTO

## MOVADO ESPERANTISTA

### Notindaĵoj.

*Belgujo :* La sidejo de la Belga Ligo Esp. estas de nun en Antverpeno (sekr. S-ro L. Champy, 21, Longue-Rue d'Herenthals, Antverpeno). — *Britujo :* En Londono la movado plej ĝojige progresas. La paroladoj de S-ro Privat en Liverpool, Bradford, Bury, Norwich havis bonan sukceson. En Leeds okazis agada kunsido de la Federacio kaj Esp. festo. — *Francujo :* Aperas nova gazeto „ Franca Esperantisto ". Ekzistas nun ok regionaj federacioj organizitaj laŭ la modelo de la unua Burgonia federacio. En Parizo, Esp. parolado de S-ro Bacheuser ĉe la franca geografia Societo pri « Brazilujo » ; imitinda ekzemplo ! „ Norda Gazeto " estas la organo de la nordfranca Esp. federacio, kiu kalkulas 19 grupojn.— *Germanujo :* Novaj grupoj en Auerbach, Frankenberg, Lohmen, Lübeck, Weimar, k. t. p. En preskaŭ ĉiu grava urbo ekzistas grupo, kiu faras paroladojn, organizas kursojn, aranĝas kunvenojn ; la gazetaro estas multe pli favora. La influo de la kvara estas do plej ĝojiga. — *Hispanujo :* Oni jam preparas la kvinan Kongreson, kiu okazos de la 5ª ĝis la 12ª de septembro. — *Usono :* Ekzistas nun pli ol 90 kluboj en 28 ŝtatoj ; la progresoj daŭras.

### Bibliografio.

*Jolanto* (La filino de l'reĝo Rene ; el dana lingvo, trad. H. J. Runeberg Ilarejo Esp. Helsingfors, 0,50 ₷) — *Esperanto* (skizlibro, Hornsby, Aŭstralia 0,50 ₷). — *Jarlibro de Italaj Esperantistoj* (118, Babuino, Romo. 0,30 ₷). — *Fundamento de Esperanto* (Rumana eldono. Paris. Hachette). — *Flugintaj Revoj* (Poezio de Grabowsky, muziko de P. Wachs. Librejo Warnier, Paris. ₷ 0,80). — *Georgo Dandin* (triakta komedio de Molière, trad. D-ro L. L. Zamenhof. 0,50 ₷. Paris, Hachette).

### Gazetaro.

*Franca Esperantisto* (monata gazeto. 46. Bd Magenta, Paris. ₷ 1,60 jare). — *Polica Revuo* (monata organo de Esp. policistoj. üllöi ut. 59 IV Budapest. ₷ 0.80 jare). — *Norda Gazeto* (organo de la Nordfranca Esp. federacio. E Deligny, St-Omer. ₷ 0,40 jare). — *Pedagogia Revuo* (oficiala organo de la Internacia Asocio de Instruistoj. 1 ₷ jare. Th. Cejka, Bystŭice, Hostýn, Moravio (Aŭstrio).

## NEKROLOGIO

### D-ro Vallienne.

Ni kun granda doloro eksciis pri la preskaŭ subita morto de nia kara eminenta samideano *D-ro Vallienne.* Konatiĝinte jam de kelkaj jaroj kun Esperanto, D-ro Vallienne tuj entuziasmiĝis por nia afero kaj komencis fervore kaj senlace laboradi por ĝi ; ĉar la malsano devigis lin resti hejme, li okupadis sian tempon per senĉesa tradukado kaj verkado en Esperanto, prave konvinkita, ke ju pli ĝia verkaro estos multenombra kaj diversa, des pli nia lingvo estos forte enradikigita. Tiel oni ŝuldas al li multajn bonajn tradukojn ĉu prozajn, ĉu versajn, inter kiuj *Manon Lescaut,* nun eldonata de « Lingvo Internacia », kaj ĉefe, la grandega mirinda traduko de *Eneido,* el Virgilio, kiu sola plene valorigas la lertecon kaj talenton de nia samideano. D-ro Vallienne ankaŭ havis la meriton esti la unua grava originala verkisto en Esper. Penetrita de tiu ideo, ke romanoj estas la plej ĝenerala interesilo kaj lernigilo por la homoj, al kiuj sin turnas Esperanto, li sinsekve publikigis du longajn originalajn romanojn : « *Kastelo de Prelongo* » kaj « *Ĉu li ?* », kiuj montras ĉe li grandan lertecon kunigitan kun la plej brila imago. Fine li publikigis ĉu en *Lingvo Internacia,* ĉu en *Scienca Revuo* multenombrajn artikolojn pri literaturaj, sociaj aŭ pure medicinaj demandoj ; inter tiaj multaj verkoj estas citinda la « *Evolucio de la Religia Ideo.* Tiuj artikoloj, ĉiam bone studitaj, ideplenaj, ne estas la malplej grava parto de lia agado por nia afero.

D-ro Vallienne estis praktika laboremulo, en la pura senco de l'vorto. Li tre malmulte sin okupis pri lingvaj detaloj en Esperanto, sed konsiderinte ke Esperanto estas taŭga kaj utila al la homaro, li tuj laboris por ĝi laŭ la vojo elektita, senĉese ĝin pliriĉigante per siaj ĉiutemaj verkoj. Pro tiu obstina kaj sindona laborado la Esperantistaro ŝuldas al li profundan dankadon.

En la lasta tempo la farto de D-ro Vallienne estis pli bona kaj li havis la grandan ĝojon ĉeesti la Dresdenan Kongreson. Mi memoras ankoraŭ kiam li, ĉe la neforgesebla reveno el Meissen, esprimis sian ĝojon pri la sukceso de nia Kongreso kaj sian fidon pri la homara signifo de Esperanto. Li efektive ne nur konsideris Esperanton kiel oportunan lingvan signon, sed simila al ĉiu konscia Esperantisto li vidis en ĝi potencan socian forton kaj movadon fruktoportan por la homaro.

Lian obstinan penadon jus senkompate finis la morto, sed de li restos inter ni ne nur riĉa materiala verkaro sed ankaŭ la danka memoro pri fidela, senfanfarona, sindonema kunbatalanto.

Al lia dolora familio ni sendas la esprimon de nia respektplena simpatio.

H. H.

### E. K. Harvey.

*Bostono.* — En Bostono la 27 oktobro mortis nia fervora kunbatalanto S-ro Edward K. Harvey, post mallonga atako de difterio, sekvanta de atakon tifojdfebro. La esperanta mondumo, kaj precipe la usona sekcio, suferas korfrapon de kiu ĝi ne baldaŭ resaniĝos. Nur dudeksepjara junulo li jam de multaj jaroj kviete, tamen fervore propagandis nian karan lingvon. Nenia Bostona kunveno estis kompleta sen la ĉeesto de samideano Harvey kaj lia ridetanta vizaĝo estis videbla kie ajn kuniĝis la fideluloj. Dum kelkaj jaroj li estis instruisto en la blindlernejo „ Perkins Institute " kaj li estis la pionoro kaj ĉefulo de la propagando inter la blinduloj usonaj. Li ĉeestis la 3an kongreson en Cambridge kaj estis bone konita al multe el la eŭropaj samideanoj. Post la kongreso li veturis en Rusujo, kie li bone pruvis la indecon de Esperanto, ĉar, dum tiu monato li vojaĝis sole per la helpo de tiu lingvo. Pri tiu vizito li jam skribis kelkajn jurnalartikolojn, kaj estis preparintan paroladon pri ĝi kun multe da lanternbilboj kiun li intencis prezenti por nia afero dum la venonta vintro. Eĉ oni aranĝis la unuan paroladon en la Bostona puklika biblioteko por la 27a de oktobro, — lia morttago ! Ĉe la kunveno en la Chautauqua li estis unu el la plej agemaj partoprenantoj, kaj estis kasisto de la noveorganizita Esperanto Asocio de Nord'Ameriko. En la momento de lia morto li estis sekretario de la Bostona Esperanto Societo. Ĉe la komenco de la kolegia jaro li eniris la „ Mass. Institute of Technology " kiel inĝeniera studento, kaj precipe pro lia penadoj tiu institucio alprenis Esperanton. Tia, mallonge estas la kariero de Harvey la esperantisto kies forpasado tiom signifas al la tutmonda Esperantistaro, sed, al ni kiuj bone konis lin estas pli granda malĝojo pri la forpasado de Harvey la amiko kaj bonkonulo. Aliaj plenumos la laboron de li tiel bone komencitan, sed neniu povos plenigi la lokon en la koroj de la esperantaj pioniroj de Nov'Anglujo kie restis nia amiko, kaj kie ĉiam restos lia memoro kiel inspirado al malegoista kaj sindona laboro.

C. H. FESSENDEN.

## KORESPONDAĴOJ

Varsovio, 23-XI-08.

**Al Delegitoj de U. E. A.**

Estimata Sinjoro,

Pro la rapida disvolviĝo de la U. E. A. la Centra Komitato havas tre grandajn *elspezojn.* Mi do proponas, ke delegitoj memvole plimalgrandigu aŭ tute *nuligu* la parton de kotizaĵoj, kiun ili konservas por si. Por ni — delegitoj — tiu ĉi mono havas malgrandan signifon, por la Centra Komitato kolektiĝos tiamaniere sufiĉe granda sumo. Kiu konsentas al tiu ĉi propono, bonvolu sciigi la oficialan organon. Mi de nun alsendados al la Centra Kaso plenajn kotizaĵojn.

Dr W. ROBIN, *Del.*

—o—

Parizo, la 11an de novembro 1908.

Estimata Sinjoro ĉefredaktoro,

Mi sciigas al vi ke la „ Franca sekcio de la Marista Esperantista Ligo " jus ricevis de la „ generala transatlantika Kompanio " permeson kuŝigi kelkajn esperantistajn presaĵojn sur la tabloj de la legosalonoj de ĝiaj poŝtŝipoj.

Ni ankaŭ petis la Kompanion pri la enmetado de esperantistaj libroj en la bibliotekoj de tiuj ŝipoj por ke la pasaĝeroj povu aĉeti ilin ; sed ĝi respondis ke, en tiuj bibliotekoj, nur troviĝas libroj aĉetitaj de la Kompanio kaj kiuj estas pruntedonotaj al la pasaĝeroj. Do se multaj pasaĝeroj postulas pri tiuj libroj, la Kompanio certe aĉetos ilin.

Sekve mi petas la Esperantistojn vojaĝantajn sur la ŝipoj de tiu Kompanio, ke ili postulu pri la esperantistaj presaĵoj, se ili ne troviĝas sur la tabloj (tiuj presaĵoj estas ĝis nun la jurnalo „ ESPERANTO " kaj la „ REVUO " ). Estus ankaŭ tre bone ke ili montru grandan deziron legi esperantistajn librojn, por ke la Kompanio decidu aĉeti ilin.

ROLLET DE L'ISLE,
*Prezidanto de la Franca sekcio de la Marista Esperantista Ligo.*

—o—

### Propono por internacia Sanigejo

Nuntempe Holando estas la lando, kie gravaj internaciaj ideoj estas ellaborataj, kiuj reciproke alkondukas la popolojn. Tion evidente montras la palaco de l'paco, kiu estas konstruata en « 's Gravenhage[1] », kaj la diversaj konferencoj por la paco, kiuj okazis tie. Ankaŭ en la antaŭaj epokoj, Holando ofte tenis la unuan lokon en la vico de l'popoloj, kiuj disvastigis novajn fluojn en la sociala vivo.

Laŭ ĝia kuŝo, Holando kunligas la vastan Anglan regnon kun la kontinento de Europo kaj pro tio ĝi estas facila centro de kunveno por la Eŭropaj popoloj. Tial ni permesas al ni atentigi Universalan Esperanto-Asocion pri nia propono por starigi en Holando establon, kiu povas esti konsiderata kiel utila kreaĵo de ĝi, kaj certe tre disvastigos ĝian famon kaj atentigos la tutan mondon, ankaŭ la ne-Esperantistojn, pri la Asocio.

Ni intencas starigi sanigejon por *naturokuracoscienco (Fizika Terapio)* en unu de l'plej belaj regionoj de Holando.

Sendube neniu plie klopodos por la U. E. A. ol dankaj pacientoj, kiuj resaniĝis per ĉi tiu kuracmaniero en sanigejo starigita kun helpo de U. E. A.

*Hilversum,* kie tiu ĉi sanigejo estas starigota, kuŝas en la centro de l'restaĵoj de la vasta Gooi'a arberego, kaj estas laŭ ĝia alta kuŝo kaj seka kaj sana klimato, la plej konvena de ĉiuj lokoj en Holando. Por turistaj celoj ĝi, kaj ankaŭ la ĉarmantaj vilaĝetoj en la ĉirkaŭaĵo ; Haren Blaricum, Huissen, k. t. p., prezentas grandan nombron de fontoj por studado al pentristoj kaj aliaj naturamantoj ; ĝi kuŝas en la proksimeco de l'ĉefurbo de la Regno kaj posedas ĉiajn modernajn komunikilojn Kvin kilometrojn de Hilversum estas kuŝita la reĝa bieno kaj palaco de ŝ. M. la Reĝino-Patrino de Holando.

La Esperantistoj, kiuj sentas simpation por tiu ĉi projekto kaj efektive volas akceli la progresadon de l'Esperantismo per sia kunlaborado al tiu ĉi originala projekto, estas petataj finance partopreni al la stariĝo kaj ekspluatado de la supre aludita sanigejo.

La intenco estas, ke komitato estos starigata por ekzameni la projekton. La subskribintoj formis provizoran komitaton. La ekspluatado de tiaj establoj prezentas tiom da favoraj ŝancoj, ke, krom la utilo, kiun la partoprenantoj kreos por tiamaniere utiligi la Esperantismon por la homaro, ili ankaŭ posedas la certecon, ke ilia mono bone rentumos.

Dro van Nieuwenhoven-Helbach, kiu longatempe estis laborinta en la sanigejo de Dro Schröder (Schwarzwald, Germanujo), kie la Fizika Terapio ankaŭ tre ofte estas uzata, volonte donos la necesajn sciigojn kaj kalkulojn.

Tiom pli la projekto estas efektivigebla, tialke la bezonata kapitalo proporcie povas esti modera.

*La iniciatintoj.*

Dro J. van NIEUVENHOVEN-HELBACH.
J. VON RÖMER, Sub Delegito.

[1] den Haag.

## AL NIAJ LEGANTOJ

**Pro la festoj de Kristnasko kaj Nov-Jaro nia proksima No aperos nur la 6an de Januaro kun SES PAĜOJ.**

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

FAKO 1ª. — **Administrado**.

*Balotado.* — La balotado pri la Komitato de U.E.A. por 1909-1910 liveris la jenajn rezultatojn:

Voĉdoniloj ricevitaj: 116.
Nombro de voĉoj: 119 *

* Unu Del. havas 3 voĉojn; du Del. havas 2 voĉojn.

| | | |
|---|---|---|
| Elektitaj: | H. Bolingbroke Mudie | 120 voĉoj. |
| | H. Hodler | 120 — |
| | A. Carles | 120 — |
| | Th. Rousseau | 120 — |
| | P. Blaise | 119 — |
| | J. Schmid | 119 — |
| | M. Kandt | 116 — |
| | F. Rochmann | 116 — |

Ricevis 1 voĉon: S-roj Backmann, Boirac, Bourlet, Mann, G. Roy, Szabuniewicz, Titov.
La protokolon subskribis S-roj Mallet, de Saussure, Bouvier, esperantianoj de la regiono Genevo.
Konsekvence, la komitato estas formita kiel sekvas:

H. BOLINGBROKE MUDIE, *Prezidanto*, (67, Kensington Garden Sq., London-W.).

Fako 1ª. — **Administrado:**

H. HODLER, *Vicpr.* (8, rue Bovy-Lysberg, Genève).

Fako 2ª. — **Financoj:**

Th. ROUSSEAU, (pl. de la Halle, Beaune).

Fako 3ª. — **Konsuloj:**

A. CARLES, (3, rue des Balances, Béziers).

Fako 4ª. — **Esperanto-Oficejo:**

P. BLAISE, (3, Stella Rd. Tooting, London-S.W.).

Fako 5ª. — **Komerco:**

D-ro M. KANDT, (8, Neuer Markt, Bromberg).

Fako 6ª. — **Junuloj:**

F. ROCKMANN, (16, Buckauerstr. Magdeburg).

Fako 7ª. — **Turismo:**

J. SCHMID, (Esperantio, Bern).

*Avizoj al la Delegitoj kaj Subdelegitoj.*

⁂ La *Oficiala bulteno*, pri kiu ni parolis en la lasta N°, estos ekspedata al ĉiuj Delegitoj kaj Subdelegitoj, kun la necesaj dokumentoj en la fino de decembro.

⁂ Ni petas pardonon de la mendintoj de leterpapero, poŝtkartoj, k. t. p., pro la prokrasto en la sendado de la menditaĵoj. Tiu prokrasto estis kaŭzita de la represado de la diritaj dokumentoj, kiuj estos sendataj kiel eble plej baldaŭ.

*Propagandaj folioj por U. E. A.* — Ofte niaj Delegitoj kaj Subdelegitoj petis de ni propagandilojn pri U. E. A. Ni nun plezure povas ilin informi ke ni nun preparas propagandan folion, kiu enhavos detalajn klarigojn pri la organizo, servoj kaj signifo de U. E. A. kaj estos disdonebla al ĉiuj interesatoj. Tiu utilega propagandilo, kiu tre faciligos la taskon de niaj reprezentantoj, aperos en januaro.

*Novaj grupaliĝoj.* — De la lasta n°, la jenaj grupoj elektis delegitojn:

*Augsburg* (Germ.). — S-ro W. Beideck (31, Reissingerstr.).
*Caen* (Franc.). — S-ro H. le Jouzé (15, rue Richard Lenoir).
*Châlon-s/-S.* (Franc.). — S-ro Richard (28, rue d'Autun).
*Kiew* (Rus.). — S-ro K. ŝepe (Nikolajevskaja 9).
*Minneapolis* (Usono). — S-ro Ch. D. Blaker (Richfield station).
*Milwaukee* (Usono). — S-ro Ch. A. Vilas (P. O. Box. 883).
*Mexico* (Meksik.). — S-ro E. Rincon Mansilla (Str. Perpetua, 5).
*Newcastle-on/-T.* (Angl.). — S-ro S. E. Wright (11, Oxford Terrace. Gateshead).

La Del de *Berlin* estas S-ro D-ro W. Marchand (Uhlandstr. 31-III). La Del. de *Revel* (S-ro F. Rahamegi) loĝas nun Toomskunivganul, 20. La Del. de *Rennes* estos de nun S-ro Chauvin, rue de Nemours, 7. La Subdel. de *Sumen* estos S-ro D-ro Georgiev.

Entute 396 lokoj kun 230 delegitoj kaj 206 subdelegitoj.

*Subdelegitoj:*

9ª Listo de subdelegitoj:

*Aix-en-Othe* (Aube-Franc.) — S-ro A. Bondin.
*Bengtsfors* (Svedujo). — S-ro Carl Winberg.
*Bury* (Anglujo). — S-ro H. Ingham (26, Hamiltonstr.)
*Corbeil* (Seine-Franc.). — S-ro André Paillard (20, rue Galignani).
*Enisejsk* (Siberio). — S-ro Romano Frenkel.
*Kharbin* (Mandjurio). — S-ro Kazi Girej.
*Lisieux* (Franc.). — S-ro Bellenger.
*Mittweida* (Saksujo). — S-ro J. Gottlieb (Leisnigerstr., 33).
*Malta* (Mediteraneo) — S-ro D-ro Bussutil (Misido).
*Oranienburg* (Brandeburg, Germ.). — S-ro K. Steier (Huberstusstr., 8).
*Oldenburg* (German.). — S-ro Wilh. Lancken (Langestr., 75).
*Paris-Sud* (Franc). — S-ro Colas (rue Claude-Bernard, 17).
*So Framingham* (Mass. Usono). — F-ino May Sanborn (1, Belvedere Ave).
*Toronto* (South Dakota - Usono). — S-ro D. E. Parrisch.
*Villemaur* (Aube - Franc.). — S-ro Gaston Gaillard.
*Wisbech* (Anglujo). — F-ino Staveley, (Norwich House).

FAKO 6ª. — **Komerco**.

*Konsuloj.* — Konsuloj por *Komerco* ekzistas nun en la jenaj lokoj *Amiens, Amsterdam, Armentières, Bad Godesberg, Barmen, Bilbao, Boulogne s/Mer, Bourg, Bromberg, Bukarest, Calais, Douai, Edinburgh, Eskiltuna, Evansville, Firenze. Frankfurt s/m, Goole, Görlitz, Hannover, Lausanne, Lille, Limoges, Liverpool, London, Louhans, Le Havre, Magdeburg, Neuchâtel, Niort, Paris. Philippeville, Pittsburg. Praha, Reims, Sabadell, Tunis. Varsovio, Wien.* Entute 39 Konsuloj. Ĉiuj Delegitoj kaj Subdelegitoj, kiuj ne ankoraŭ sendis la nomon kaj adreson de komercaj konsuloj estas petataj fari tion kiel eble plej baldaŭ. Adresu ĉion, kio koncernas tiun fakon al Sro Dro M. Kandt, Neuer Markt 8, *Bromberg* (Germanujo).

*Enketo.* — Komitatano de fako Komerco & Industrio de U. E. A. (adreso ĉi-supre) petas ĉiujn Delegitojn Subdelegitojn, Konsulojn kaj membrojn de U. E. A., ke ili bonvolu kiel eble plej baldaŭ lin informi por lia enketo pri « la Komercaj ĉambroj kaj Esperanto », speciale per respondo al la jenaj demandoj:

1) En kiuj lokoj komercaj ĉambroj jam iel ajn interesiĝis al Esperanto?
2) Kiamaniere ili interesiĝis al Esperanto?
3) Kie ili mondonacis kaj helpis kursojn, k.t.p.

*Agado de fako komerco.* — Cirkulero por Komercaj firmoj kaj ilia varbado al U. E. A. kiel Esperantiaj firmoj estos sendata, kune kun la aliaj, en la fino de Decembro al ĉiuj Delegitoj kaj Subdelegitoj. En la loko, kie jam estas Konsulo por Komerco, la Delegito memkompreneble transdonu al li la diritan cirkuleron. Ni insistas pri tio, ke por faciligi la taskon de la Delegito, ĉi tiu elektu laŭeble Konsulon por Komerco, al kiu estos transdonata ĉio, kio koncernas tiun fakon.

*Disdonado de reklamiloj.* — S-ro Ch. Schriewer, Delegito, Moresneto-Neŭtra, estis speciale komisiito por tiu grava servo de U. E. A. Pluaj detaloj pri ĝia funkciado aperos en la proksima N°.

## Delegito - Konsuloj U. E. A.

## PRAKTIKAJ INFORMOJ

**Grava avizo.** — Tiuj informoj estu redaktataj mallonge kaj precize; oni sendu ilin al ni nepre antaŭ la 7ª kaj 22ª de ĉiu monato por ke ili aperu en la plej proksima n°. Ni varme instigas ĉiujn delegitojn, ke ili bonvolu kiel eble plej akurate kunlabori por tiu rubriko, kiu dank'al ilia kunhelpo rapide fariĝos interesa kaj tre utila.

### Anglujo

*Bradford.* — La Bradforda Esp. Societo decidis grupe aliĝi al U. E. A. Estas 28 aliĝintoj en la unua jaro. La unua paŝo de U. E. A ĉi tie estis la starigo de Esp. Oficejo ĉe S-roj Tapp kaj Toothill, 37, Charles Street, kaj 30, Market Street, en ambaŭ fenestroj troviĝas nun allogantaj afiŝejoj kaj tie oni povas aŭ aĉeti aŭ mendi ĉiujn esperantaĵojn. La plej grava okazintaĵo esperanta en Bradfordo dum la jaro estis vizito de S-ro Privat kiu parolis tre sukcesplene al granda aŭdantaro la 10 Nov. ĉe la Teknika Lernejo. Lia Urba Moŝto (Lord Mayor) prezidis kaj grava subtenantaro akompanis lin sur la estradon. Du novaj kursoj rezultis de tiu ĉi kunveno. Entute estas ĉe ni 6 kursoj kun ĉirkaŭ 100 gelernantoj. Mi atendas ke la nombro de ĉi tieaj esperantianoj multe pligrandiĝos dum la venonta jaro.

A. F. Pr.

*Liverpool.* — Bonega parolado de S-ro Privat pri Esperanto kaj U. E. A. En tiu regiono, okazas ĉiusemajne dek Esp. kursoj, kondukataj de F-ino Jones, del. U. E. A.

### Aŭstrio.

*Praha.* — Antaŭ fino de tiu jaro eliros unua *bohema-esperanta surmura kalendaro* ornamita per kvar belegaj bildoj de bohema artisto Panuŝka. Prezo 0,30 ₷ Sin turni al « Bohema Unio Esperantista » Praha I. 342.

⁂ *Grandaj firmoj*, kun kiuj oni povas korespondi: *Bernard & Saxl*, fabriko je patentita bruligilo « Fenix », Vrŝovice apud Praha, *Bohuslav Rosenkranc*, importo de kap, Praha, II., 1274, *Julius Boschan*, teknikaj artikoloj, Praha, I., Rybni 11, *J. Kubias*, kaŭĉukaj stampiloj, Praha, Charvátova, 9., *Esperanto-Kafejo « Union »*, Praha, I, 342, *F. Topič*, librovendejo, ekskluziva vendo por Aŭstrio de publikaĵoj de firmo Hachette & C°, Paris-Praha, Ferdinandova, *Schenker & C°*, vojaĝa oficejo, Praha, Hybernská, *Eichmann & C°*, fabrika tenejo de papero, Hybernská, *K. Pitter*, presejo, Praha, Jindŭsská, *Kolinskà továrna na Kàvové nàhražky* v Kolinifabriko je kafaj surogatoj en Kolin n. L., *J. Otto*, eldonisto, Praha, Karlove nám, J. U. C. K. L. *Kukla*, eldonisto de revuo « Zoologia ĝardeno », Smíchov (Daŭrigota).

⁂ Iª Kongreso de Bohemaj Esperantistoj. La preparoj laboroj jam komencis; la intereso estas tre granda.

⁂ La 6an decembro okazis publikaj propagandaj paroladoj pri Esperanto en český Brod haj en Ulada Boleslas. La sukceso estis plene kontentiga. — Novaj kluboj anoncis sian aliĝon al suprenomita centra asocio.

Jan HRADIL, D. U.E.A.

### Francujo

*Alger.* — Tiu, kiu skribos esperantan poŝkarton al Comité d'Hivernage, 2, rue Combe, Alger, ricevos belan ilustritan gvidlibron, france redaktitan. Peti informojn pri turismo, kaj ĉiuj sciigojn pri Alĝerio. Peti la gvidlibron.

*Grenoble.* — La grupo kunvenas ĉiujaŭde je la 8ª vespere, en speciala ĉambro de la kafejo Eymin (boulevard Gambetta, ĉe l'angulo de la rue Bérenger). Ĉiuj Esperantistoj estas kore akceptataj.

*Parizo.* — La Delegito de tiu ĉi regiono (S-ro Robert, 5, rue Ravignan) protestas kontraŭ malveraj diroj lastatempe diskreditigindaj lian eksiĝon; ĉar tia agado tre rapide disvastiĝis, ĝi alportis malutilon al U. E. A. kaj jam subdelegitoj, membroj kaj aliĝontoj ne plu sciis al kiu ili devas sin turni. Tial la Del. konigas, ke li restas ĉiam preta por ricevi aliĝojn, kotizaĵojn, liveri ĉiujn informojn, k. t. p. Li sciigas, ke li elektis la jenajn konsulojn:

Por Komerco (S-ro Besnard, 26, rue Antoinette), Konsulo por Junuloj (S-ro Murati, 99, rue du Mont Cenis), Konsulino por Virinoj (F-ino Stribick, 152, rue Lamarck).

Kiel antaŭe, ĉiu komunikaĵo, peto kaj mendo povas esti sendataj al la jena Oficejoj:

S-ro Marseille, tranĉilvendisto, 136, avenue Parmentier;

Verda Stelo, 129, rue Marcadet.

Plie, Centra Oficejo, 51, rue de Clichy, fariĝas de nun Pariza Oficejo de U. E. A. E. R.

### Germanujo.

*Aachen.* — Fondiĝis en Aacheno Esp. grupo, kiu jam tre vigle laboras; ĝi kunvenas ĉiumarde en Dombotel kaj estus tre feliĉa vidi en sia mezo Esp. gastojn. Precipe nun ĝi atendas la vojaĝontajn al la Amikeja Esp. festo, kiuj certe ankaŭ loĝos en Aachen, de kie oni povas atingi Amikejon en 40 minutoj per tramo. Kiu do ajn vizitos la feston — oni nur povas rekomendi tion — tiu ne forgesu ankaŭ viziti la antikvan banurbon kaj restadejon de Karlomagno. Ankaŭ malsanaj aŭ resaniĝantaj Esp-istoj, kiuj bezonas belan kaj trankvilan resanigejon, vizitu Aachenon. Tie ĉi ili trovas amikajn samideanojn kaj ankaŭ Esperante parolantajn bankuracistojn. Des pli komforte ankoraŭ ke en la proksimeco de ĝi kuŝas nia Esperantujeto Amikejo, kiun ili povas viziti per promenado mallonga tra la ĉie konata Aachena arbaro. Esp-istoj vizitu do, kiam vi venas Aachenon, la Esp. Klubon, kaj vizitu la feston Amikejan la 26an de decembro.

P. KELLER, Subdel.

*Braunschweig.* — La 15ª nov. la Braunsvigaj kaj Hannoveraj grupoj kunvenis en Hildesheim por Esperantistigi la anoj de tiu urbo, kie ili sukcesis fondiĝi grupon.

La ĉeestantoj plezure vizitis la urbon. La antikvaj domoj kun ligna ornamaĵoj vekis la intereson. Poste oni vizitis la urbdomon kun la belega festsalono, en kiu sin trovas belaj pentraĵoj de fame konata pentristo Prell, rilatante al la fondon de Hildesheim. Tiam la preĝejo de Miĥaelo estis vizitata, kiu estas baziliko kun tre bela ligna plafono, pentrita en la dekunua centjaro. Tre baldaŭ S-ro Tarnow faros paroladon kaj malfermiĝos grupo.

### Hispanujo

*Bilbao.* — De post unu jaro la esp. movado en Bilbao estas tre grava. En la lasta somero okazis belegaj festoj kaj esp. ekskursoj, kies sukceso estis vere tre favora al nia afero. Poste, praktika laboro estis entreprenita ĉiuflanke por pli kaj pli disvastigi Esperanton en nia industria provinco. La ĉi-tiea grupo subtenas kvar kursojn ĉiutagajn. La profesoroj estas samideanoj de la Bilbao'a Grupo, kiuj entuziasmege laboradas ĉiuhore por la antaŭeniro de nia afero. En oktobro, laŭ invito de la ĉi-tiea societo „Circulo Mercantil é Industrial" (Komerca kaj Industria Rondo) faris tre sukcesan paroladon en la salonego de tiu institucio, la Del. de U. E. A. en Bilbao, S-ro I. Alvarez, varbinte tuj multajn novajn Esp-istojn inter la grava aŭskultantan. De tiu dato, S-ro Alvarez faras specialan kurson por la societanoj „Circulo Mercantil é Industrial, en kiu partoprenas 26 personoj plejparte komercestroj. En la tuta provinco estas ankaŭ granda la movado por Esperanto. En urbeto Baracaldo, ekzistas ĉiutaga kurso, kun 40 anoj. En Santurce la tiea grupo subtenas ankaŭ ĉiutagan kurson. Fine, nia bonega amiko, Subdel. de U. E. A. en la Arboleda, D-ro de Hita, fondis ankaŭ kurson publikan. La ĉiutaga gazetaro oftege presigas tre favorajn artikolojn per Esp. kaj speciale ĉiuvespera jurnalo „El Neviron" publikigas ĉiuvendrede longajn „Esperantistajn Notojn" hispane verkitajn, por la neesper. publiko, de nia lerta samideano „Sciganto". Oni vidas ke la Esp. de Vizcaya ne laciĝas en sia praktika laboro, kaj ili intencas daŭrigi pli kaj pli entuziasme ĝis kiam tiu gravega industria provinco atingos por Esperante la gravecon kiun ĝi rajtas.

FLOREAL.

⁂ Ni rememorigas al ĉiuj fremdaj gesamideanoj ke nia „Esp. gastotablo" havas ĉiumerkrede siajn kunvenojn en speciala loko ĉe la „Komerca Kafejo", Arenal, 16, Bilbao, de la 9ª vespere; ĉiuj samideanoj estas korege akceptataj.

*Sabadell.* — Tre gravaj progresoj dank'al societo « Esperanta Semo ». Okazas ses kursoj por viroj kaj tri por virinoj. Plej bone montras la sukcesojn la fakto, ke en preskaŭ ĉiuj privataj lernejoj oni lernigas Esp. al la infanoj, kaj tion saman plenumas la lernejo de Libera Institucio. Ofte okazis tre sukcesaj festoj Esp.

### Svisujo

*Davos.* — Sendube multe da personoj, kiuj aŭdis pri vintraj sportoj kaj kiuj, timante la malvarmon, neniam vizitis la montajn lokojn en la vintro, opinias ke la vintra sporto estas nur nove naskita por la junularo kaj ne konsideras, kiom la sportaj ekzercadoj favore influas la korpan bonfarton de l'homo.

Multaj fremduloj alveturas ĉiujare Svislandon en vintro por sia mallaciĝo kaj por ĝui la sporton — kaj kun kia fervoro — kaj kun kia ĝojo! ne lasante sin timigi de la akra aero nek la frosta vetero, eĉ kiam la termometro staras 20 — 30° gradojn sub la glaciiga punkto, kio iafoje okazas. Ĉiuj, ĉu maljunuloj, aŭ gejunuloj ĉiurangaj, konkuras ĉe la glit- kaj ski' kurado same kiel ĉe la glit- kaj bob' veturado.

La plej malnova, tial ankaŭ la plej progresinta kaj plej vizitata el sportlokoj, estas Davos, lokita en valo de la Grizonaj montoj, kie antaŭ 31 jaroj kelke da angloj fondis la unuan sportklubon. Baldaŭ aliaj nacianoj aliĝis kaj fine ankaŭ la loĝantaro de la sportloko interesiĝis kaj partoprenis en sportaj amuzaĵoj — tiamaniere Davos fariĝis fine mondfama pro la sporto.

La sportsezono daŭras kvar monatojn; ĝi komenciĝas en novembro kaj finiĝas en marto. La plej interesaj konkuroj ĉiam okazas post la Kristnaska festo; la tutan januaron festoj sekvas unu la alian. La plej spertaj sportistoj de l'mondo kunvenas Davos'on por konkuri, kaj la plej lertaj el ili ricevas belajn premiojn.

Ĉe la festo de vetglitado la kapelmuzikistoj ludas, la geglitistoj lerte dancas kaj faras ĉarmegajn artplenajn moviĝadojn sur la spegule glatigita glacio. Estas vera ĝuo ankaŭ por la amaso de nesportistoj, t. e. la ĉeestantoj, kiuj ĉirkaŭas la artefaritan glitejon por ilin rigardi. La rapidaj glitantoj ne malpli estas entuziasme observataj, ĉar la tuta rigardantaro estas scivola vidi, kiu el la konkurantoj atingos la unua la celon, konkurante 500, 1,000 kaj 1,500 metrojn ĉirkaŭ la glitejon. Fine la premiotojn multege oni aplaŭdas.

Por glitveturadoj nova speciala sportstrato estas konstruita (somero 1907), ĉar la intereso pri la diversspecaj bob' gliveturiloj kaj ties konkuraj veturadoj ĉiam pli kaj pli kreskas en la sportistaro. Espereble ankaŭ Esperantianoj deziros vidi tiujn mirindaĵojn; ili estos plej kore gastigataj de la tiea grupo.

F-ino HERZOG, del. U. E. A.

# PERESPERANTAJ SOCIETOJ

### Esperanta Psikistaro.

Internacia Unuiĝo por Psikisma studado per "Esperanto"
*pri Spiritismo, Hipnotismo, Magnetismo, Telepatio*, k.t.p., k.t.p.
—(sub la honora prezido de S-ro E. BOIRAC)—
Kotikaĵo *laŭvola*, almenaŭ 1 ₷ jare.

KOMUNA PROGRAMO.

*Tuja parto.* — Decidoj de la Iniciativa Komitato:

1) Fari alvokon al la duoble samideanoj (Esperantistoj - Psikistoj) per anoncoj en Esper. gazetoj kaj precipe per la gazeto „ESPERANTO" de Genevo.

2) Fari alvokon al la tutmondaj psikistoj per nacilingvaj cirkuleroj kaj, kiam eble estos, per artikoloj en diversnaciaj psikismaj gazetoj.

3) Sekve organizi kursojn de Esperanto ĉe la psikismaj societoj, por esperantistigi kiel eble plej multe da psikistoj.

4) La organizantoj de tiuj kursoj estas petataj sin konigi kaj pri siaj laboroj kaj rezultatoj komuniki al la Sekretario sciigojn kiujn li transdonos al la gazeto „ESPERANTO".

5) Ĉiuj aliĝintoj estas petataj komuniki al la Sekretario la nomojn de la personoj plej fervoraj kaj spertaj je la celo kolekti aron de spertaj sindonemuloj por faciligi la estontan elekton de regula komitato.

6) Tiu elekto fariĝos dum speciala kongreso okaze de la venonta Esp-istaro kongreso en la kongresurbo.

7) Dum la sama speciala kongreso oni decidos pri pli detala administra organizado de la psikistaro (pri la starigo de la diversaj centroj kaj ilia interligo).

8) Tion atendante la aliĝintoj estas petataj komuniki al la Sekretario ĉiujn ideojn kapablajn plibonigi la programon. Raportoj pri tiuj ideoj estos prezentataj dum la speciala kongreso.

9) Ĝis la decidoj de la speciala kongreso kaj ĝis la elekto de regula komitato, la kotizaĵo de ĉiu aliĝanto estas laŭvola sed almenaŭ po 1 ₷; ĝi devos esti sendata al S-ro A. STAS, la sekretario de la Iniciativa Komitato, 25, Strato Antonius, Antverpeno (Belgujo).

### Internacia Societo de l'Esperantistaj Juristoj.

OFICIALA INFORMILO

*Niaj artikoloj.* — En la lasta N° ni komencis la anoncitan duan artikolon pri la juĝa organizado en Usono, kies verkinto estas nia konata amiko W. Baff, advokato en Worcester (Mass.). Ni esperas, ke ĉiuj niaj anoj legos tre interese tiun-ĉi verkon, kiun ni daŭrigos en la proksima N°.

Denove tre insiste ni petas niajn societanojn sendi al ni artikolon pri la juĝa organizado en ilia lando.

*Kotizaĵoj.* — Laŭ nia regularo la kotizaĵoj estas pageblaj dum monato januaro, sed ni insiste petas niajn anojn sendi kiel eble plej baldaŭ la sumon (1 ₷) ĉu al la naciaj vicprezidantoj, ĉu al la ĝenerala sekretario S-ro Sergeant, 31, Bd Mariette, Boulogne-s/-M. (Franc.). La kotizaĵoj estas nepre sendotaj antaŭ la 1ª de februaro, lasta limtempo; post tiu ĉi dato ilin oni kolektos poŝte, sed tiaokaze la poŝtaj elspezoj estos, kompreneble, plie pageblaj.

*Niaj anoj.* — Nia distinginda societano S-ro Daniel jus estis farita ĉefprezidanto en la Apelacia Kortumo de Rouen (Franc.). Estas tre granda honoro por nia societo kaj ni sendas al la respektinda magistrato niajn tre sincerajn kaj korajn gratulojn.

*Sanĝita adreso.* — S-ro Crozet, advok., 52, rue Richer, Paris.

### Internacia Societo de l'Esperantistoj (I. S. E.).

La novaj regularoj estas aperintaj. Monopremioj estis difinitaj por niaj membroj. Precizan informadon senpage per S-ro P. Nollenberg, Berlin NW52 (Germanujo) Lüneburgerst, 30.

Ni deziras al niaj membroj feliĉan novan jaonr!

*Moulins* (Allier, Franc.). — S-ro M. Génermont, 11, Sq. de la République. (Kun neeŭrop.).
*Roŝiorj-Ilfov* (Rum.). — G-roj M. kaj H. Timuŝ, Pl (pri virina kaj instruada movado).
*Ratingen* (Germ.). — K. Peitz, Hochstrasse, 20. Pl., PM.
*So Framingham* (Mass. U. S. A.). — F-ino M. Sanborn, 1, Belvidere ave (kun *japanaj* fraŭlinoj kaj sinjorinoj, ĉefe kristan-eeladistinoj).
*Auckland* (New-Zealand). — S-ro J. S. Russell, Grange Road. Pl. PM.
*Worms* (Germ.). — S-ro F. Pfaff, instruisto, Seb Münster str, 12. Pl L.
*Scheller* (Iowa, U. S. A.). — F-ino J. E. Hamand. PK, L.
*Leipzig* (Saks. Germ.). — S-ro K. Herrig, Haupt post lagernd. Pl.
*Huy* (Belg.). — S-ro A. Beaujean, r. St. Mengold PM.
*Seattle* (Wash., U. S. A.). — S-ro D. C. Ferris, 409, Republican st.; F-ino R B Gray, 310, 6 th. Ave.; S-ro L. H. Gorham, Box 197, University sta; L. Guynn, 1061 E. Mercer st.
*Chow ma Wiatka* (Rusl.). — A. Repin. Pl. PM. portret, fotogr.
*Sabadell* (Barcel. Hisp.). — S-ro I Roig, fabrica de jabón Pl., L.; S-ro J. Gili, str. Font 8. Pl.; J. Xercavins Guarro, str. San Lorenzo 89; Petro Oriach Solá, str. Calderon 51, kun ĉeestontoj en Barcelona Kongreso.
*Burnley* (Lancs, Angl.). — S-ro D. Alec, 98 Elm str. Pl.
*Aix-en-Provence* (Franc.). — S-ro L. Coulomb, Ecole d'Arts & Métiers Pl.
*Eletz* (Orlovskoj gub., Rus.). — S-ro I. Gorelov, Orlovskaja ul., Sob. dom.
*Moskvo* (Moskvo, Rus). — S-ro B. Samsonov, Bol. Kosiĥinskij per, dom Popeĉitelstva o bedniĥ, kv. 10.
*Praha* (Aŭstrio). — S-ro J. Hradil, II, 1274, Upŭjcovny, 9. Pl.
*Debreczen* (Hungar.). — F-ino M. Fekete, Széchényi u 29 Pl, PM.
*Kazan* (Rus.). — S-ro W. Pfeiffer, Voennoe uĉiliĉe 3 rota. Pl.

**Petoj & proponoj**

**Malnovaj jurnaloj.** — S ro T. Matuszewski, str. Al Szucha, n° 19. Varsovio (Rusa, Polujo), deziras aĉeti apartajn numerojn de „Internacia Scienca Revuo", n° 3; „The British Esperantist", n° 1, 2 kaj 3 de 1905; „Internacia Revuo medicina", n° 3; „Esperanto" (malnova serio), n° 16, 18, 20, 21, 22, 23, 24, 25, 26, 28, 29 Proponojn oni sendu al la sus...

**Laboristo.** — Fabriko de ... kaldronoj, ŝoveliloj, k. a., serĉas specialiston por ĉi tiu industrio Oni skribu al J. Davidoff, Silistra (Bulgarujo).

**Esperantaj kajeroj.** — Tuta esp kurso per kajeraj kovriloj (10). A. Grosjean, à Wanze (Huy), Belgujo.

**Artaj poŝtkartoj.** — Al kiu sendos al mi poŝtk. de virina tipo el sia lando mi respondos per iu kun hispana tipo. A. Muniesa, Duran, 71, Sabadell, Barcelona, Hisp.

**Studentoj de medicino.** — Studenta sekcio de la kuracista Asocio, sub patronado de la kuracistoj (por koresp., k. t. p). Jara kotiz.: 2 $, kun oficiala organo; ĉiuj aliĝu kaj sendu sian nomon kaj adreson al sekretario: R. Badert, 35, rue Michelet, Tours (Franc).

**Franca guvernistino estas serĉata** por 3 infanoj; familia vivado; ŝi povos samtempe fari pagatajn lecionojn ĉe aliaj personoj kaj lerni la rusan lingvon. D-ro A. A. Romanov, en Voronej (gub.), Ruslando.

**Junulo** dezireganta daŭrigi studadon petas pri mona helpo; li poste repagos duoble. P. Tobi, St Moisekul, Livlando, Rusl.

**Korespondado.** — K. Schwarz, oficisto de armilfabrikejo, koresp. kun oficistoj de similaj fabrikejoj kaj inĝenieroj; li interŝanĝas Pl. kaj PM Adreso: Karlova ul. 23, Plzeň, Bohemujo.

**Ilust. poŝtkartoj.** — Mi deziras interŝ. kun aŭ sen teksto ilust. poŝtk. kun ĉiuj landoj, kaj korespondi ankaŭ letere. Tuj kaj nepre respondos. Fr Faut y Perxès, ĉe F. Vallet, *Rambla*, Cataluña, 117, Apoteko Barcelona (Hispan).

**Al farmaciistoj.** — Esperantistoj el la societo „Farmacja" St Wielka 48, en Varsovio (Polujo), deziras rilati kun farmaciistoj de ĉiuj landoj.

**Komercaj reklamoj**

**Vinoj.** — Burgundaj vinoj, ruĝaj kaj blankaj, ordinaraj kaj delikataj, en bareloj kaj boteloj. Ch. Toussaint, Mercurey (Saône-et-Loire), Franc.

**Riprezentado.** — S-ro A. Prager, Kamenec-Pod (Sud-Ruslando), gvidanto de kooper. societo de konsumantoj, akceptas riprezentadon de diversaj vendajoj, kaj petas prezarojn, specimenojn.

**Brazila komercejo.** — A. Franzerez, Rua S. José, 82, Rio-de-Janeiro (Brazil.). Agento por ĉiaj anoncoj; riprezentanto; korespondas *nur pri negoco*.

**Armiloj**, bicikletoj, skribmaŝinoj, stebiloj, terkulturaj kaj industriaj motoroj, fonografoj, horloĝoj, artajoj, sportajoj, k. t. p, estas aĉeteblaj ĉe J. Simonnet, (Subdel.), St-Méard-de-Drome, Dordogne (Franc). Mendu la katalogon.

**Koviloj** sekigantaj „Perfekta" je varma aero kaj aŭtomata reguligilo; maksimuma produktado, lastaj perfektigoj Katalogo ricevebla de J. Pascarel, Tours (Franc.).







FELIETONO DE "ESPERANTO" 11

# LA PATRINO

de **Ernst ZAHN**

(trad. J. Ŝmid, Bern).

« Ne por la vivo », diras la patro.

« Elveni ŝi devas, mi diras ».

« Kion vi volas kun la knabino? » la maljunulo ree elpuŝas.

Ankoraŭ unufoje ŝanceliĝas Georg kiel antaŭ atako. « Posedi mi ŝin volas », li spiregas. « Elveni ŝi nun devas, kaj mi do volas sciiĝi, ĉu ŝi ne devas sidi apud mi se tio plaĉas al mi! »

La lastaj vortoj jam perdiĝas en la bruego pro la batalo, kiu komencas inter la du viroj. La patro tenas kaptita la filon. Li streĉas sian tutan forton, kunpremas siajn dentojn. « Vi ne povas eniri », li elpuŝas. Sed Georg maldelikate ekprenas lin. Nun li tiregas kaj nun li puŝegas sin. Per terura perforto li jetegas la maljunan patron kontraŭ la pezan tablon. Peze la korpo alfrapiĝas. La patro ekĝemas; ĉe la tablo li duone svenanta kuŝadas, ne sukcesas stariĝi, tiel grave li alfrapiĝis. Georg blasfemas. Poste li denove turnas sin al la pordo; jus la peno ree alpuŝas kontraŭ la domon kaj aerblovo el ie altigas la lampflamon ke ĝi dum momento eltremas super la cilindron. Sed Georg surprizegiĝas. Jen la patrino apogas sin al la pordo! Li ne vidis ŝin aliri la angulon, kie ĉiam staras la ĉaspafilo. Sed ŝi tenas ĝin en la mano; nun — la pafilon! Kaj — kiel ŝi estas granda, la patrino! Eĉ lian veston ŝi superas; ĉio tio kvazaŭ fulmo trapasas lian kapon. Poste li ekridas: « Mi ne tiel facile ektimas, formetu la pafilon, ĉu ne! » Subite li svingas la brakojn kaj ree donas signon ke ŝi formetu la pafilon, dume ankoraŭ ridas, sed do faras paŝon posten; ŝi levas la pafilon, la maljunulino! almetas ĝin al la vango, Kio, kio? Tuje Georg iĝas pripensa. Ja kiel timego enkuras liajn varmegajn traitojn. Ree li svingas la brakojn. Jen pafo okazas! La muroj tremas. La patro eksaltas el sia sveno, pene ekstaras tenante sin ĉe la tablo.

Georg falis sur la genuojn, levas defendante la brakon kontraŭ la patrino. Sed Balbino alproksimiĝas lin. Stranga estas ŝia vizaĝo, la buŝo, la nazo, nenia moviĝo en ili, ĉio kvazaŭ glaciiĝinta ŝtonharde. La trajtoj estas blankaj, sed li ne la brovoj kaj okuloj de ili diferencas kiel karbo de neĝo. Nur la simpla haro estas ankoraŭ pli blanka.

« Kio, kio? », ree ĝemas la surplanke kuŝanta homo.

Nun Balbino klarigas: « De mi vi havas vian vivon, la neutilan! Ĝin de vi mi nun ankaŭ volas repreni! »

Kaj ŝi denove almetas la pafilon, tute trankvile, tute malalte. al la brusto de l'filo, kiu kun vundita ŝultro ĝemas kaj vane provas sin deturni. Terura supereco estas en la maljuna, alta virino. Obei al ŝi devis la infano, obeigante ankaŭ nun ŝi volas esti. Tiu ĉi penso estas en ŝi, subite en ŝi alkreskas al nekomparebla forto. Jen la patrino staras, Georg, la peza homo, senlaŭte teren falas.

Tobias, kiu ĉe la tablo devas sin teni, ĉar liaj piedoj ankoraŭ tremadas, la lipojn movas, volus paroli sed ne povas. Balbino ne vidas lin, la pafilon ŝi metas en la angulon, tiam ŝi eliras el la stubo, ne dirinte kien, iras anonci kion ŝi faris.

Neniu volis kredi ĝin, nek la ĝendarmo, nek la policestro, nek eĉ la Ŝteganoj entute. La fakton ili devis kredi. Georg estas enterigita. Balbino estis kondukata al Aldorf kaj kondamnata. Tio ne povis esti alie, ĉar la faro estas okazinta. Sed la juĝo estis malsevera. Unu jaron da malliberejo ŝi ricevis kaj — pri tio ĉiu estas konvinkita — post duonjaro oni liberigas ŝin. Estas tro da aferoj, kiuj favore por ŝi pledas: ŝia honesteco, ŝia estimo ĉe la homoj, kontraŭe je tio ĉia malbonajo kian oni riproĉis al ŝia filo, la rakonto de Tobias, de Lene kaj de la najbaroj. Precipe la rakonto de Tobias! Kiam la maljunulo kun sia ŝirita barbo venis antaŭ la juĝistaro, la juĝistoj ricevis korbatadon. Kun la ĉapelo en manoj Tobias tie staris: « Pro dio kaj ĉiuj sanktuloj — iru supren kaj malsupren la landon — iru tiel malproksime kiel vi volas — tian virinon vi ne trovos, tian honestan. »

Tio estis nek longa, nek sperta, nek delikata paroladо. Sed Tobias parolis ĝin kvazaŭ ĝi estis interno kaj estis, kvazaŭ li per la kelkaj vortoj alten levas lumon kaj lumizas la longan, rektan vojon, kiun Balbino iradis ĉe lia flanko. Tutan vivon li lumizis. La juĝistoj scias, ke tiu estis honesta kaj estiminda vivo. Kiam la sinjoroj estis kaj intajn la juĝon pri Balbino kaj eliris el la ĉambrego, tiam okazis la malofta, ke ili kun malkonvritaj kapoj, ne dirante vorton, restis starantaj ĝis kiam Balbino, preterkondukata el alia ĉambro, estas foririnta.

*(Daŭrigota).*



Pres. Ch. Zœllner, Genève